# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://itranslate4.eu/

**PLENUMITA 10/12/2015 Ducentkvardeksepa eldono 10/12/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**



**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**SENDATA AL 315** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Ĉiuj „Aŭstraliaj Esperantistoj“ korektitaj atingeblas je la suba adreso**

(Ctrl+klaku la veran ligilon) http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

Estas pli ol 215,000 lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/ (la Esperanto-kurso de Duolingo el de la 28a de Majo 2015)

# 100. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## Iom pli pri “de”. A.

Rigardu la kvar malsamajn situaciojn jenajn.

1e. La pafilo apartenas al la policano. Do ĝi estas DE la policano, pafilo de la policano.

2e. Krimulo prenis la pafilon el la posedo de la policano. Li do prenis ĝin DE la policano.

3e. Sekve la krimulo murdis la policanon. Do okazis murdo DE la policano. Li murdatis.

4e. Fine alia policano murdis la krimulon. Do okazis murdo DE alia policano. Tiu murdis.

Do okazis kvarfoje “de la policano”, ĉiu el la kvar vortoj “de” havanta tute malsaman, eĉ kontraŭan, signifon. La unua signifas “apartenanta al (belonging TO). La dua signifas “for el” (angle FROM). La tria “de” signifas “farita al” (angle: done to). Kaj la kvara “de” signifas “farita de” (angle BY). Kia kaŭzo por miskomprenoj!

Proksimnumere pli pri tiu stranga “de”. Marcel Leereveld.

# Zamenhofa tago

**13an de Decembro 2015 11atm**

**ESPERANTO DOMO**

**143 Lawson Street Redfern**

Senkostaj manĝo, amuzaĵo, kaj geamikoj

## Programo.

**11-00 atm.** Preparo de E.D. por la tagaj programoj.
**12-00 tm.** Bonvenu la gastojn. Haveblaj Manĝo kaj trinkaĵo

**12-30 ptm.** **Bonvenigo de la Prezidanto.**
**“La Espero”**
Ĉiuj mem prezentos sin . Mallonge (po malpli ol 1 minuto)
(tiel?) Mia nomo estas ------- Mi loĝas en (Sydney??)------Dankon
**01-00 ptm.**
Naskiĝkukoj. Zamenhofa kaj Eunice 97a naskiĝtago

**Unuajn 15minutojn.** Richard Delamore Esperanto ETV
**Duajn 15minutojn** Daniel Kane. Lia vizito al Esperanta muzeo en Ĉinujo
**Preparo de Skype kaj koncerto**
**Triajn 15minutojn.** Lyudmila Kelloway. Kantas en Esperanto.
**Kvarajn 15 minutojn.** Rainer Kurz Elektronikaj Libroj en Amazon –

**Ĝuu amikojn, manĝetaĵojn kaj trinkaĵojn. Interparolu.**
**Fino 4 ptm. La Programo finiĝos.**



# Sudaŭstralianoj

**celebros la Zamenhof-tagon sabate, la 12-an de Decembro en la domo de Indrani Beharry-Lall.**

Adreso: 71 Hindmarsh Circuit, Mawson Lakes 5090

Tel.: 08 8285 3128

La komenco estos je la 16-a horo. Ĉiu estas bonvena.

Amike, Katja Steele

# La Esperanto-Ligo de Okcidenta Aŭstralio

**invitas anojn al la ĉi jara Zamenhofa Festo**



2 p.t.m. Dimanĉon la 13-an de Decembro 2015.

26 Second Avenue, Claremont.

Bonvolu kunporti *malgrandan* pladon da manĝaĵo por posttagmeza frandaĵ-kundivido.

Kaj por distraĵo....kunportu foton de vi mem kiam vi estis infano.

Ni antaŭĝuas vian ĉeeston!

RSVP: telefono: (08)9307 1964 (Trish O'Connor)

e-pos'to: esperantowa@hotmail.com

# La Toowoomba Esperanto-Asocio (TES) kaj la Brisbana Esperanto-Asocio (BES)

**celebros la Zamenhof-feston sabate, la 19-an de Decembro**

**Je la 09.30 horo Esperantistoj el sudorienta 'Queensland' kunvenos ĉe Ipswich Queens Park por festi Zamenhof-tagon**

Poste ni rigardos la interesajn vidindaĵojn de la parko, inkluzive la Nerima Japanan Ĝardenon kaj la Naturcentron kun diverstipa indiĝena faŭno.

Je la 11:30 ni tagmanĝos ĉe la "Queens Park Cafe" .

Probable ni aŭdos paroladon en honoro de nia amata Dr. Zamenhof.

Informis Petro Danzer



# Zamenhofa Festo en Melburno

Ĉi jare ni festos la naskiĝtagon de Zamenhof

per la kutima granda festo kun multe da muziko, bona manĝaĵo, poezio, prelegoj, teatraĵoj ktp. Vi ĉiuj estas invititaj veni kaj ĝui la programon. Kunportu manĝaĵon por kundividi ĉe nia bongustega bankedo!

Dato: Sabaton 12an de Decembro 2015

Horo: 6.30 ptm

Loko: Unitarian Peace Memorial Church, 110 Grey Street, East Melbourne."

## Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo



Esperantistoj sendu ĉiujn petojn por resti en la gastdormejo al la Sekretario de la Esperanto Federacio de NSW retmesaĝe al efnsw@tpg.com.au (ctrl+klakigu la veran ligilon)

★

Lyudmila (KELLOWAY) alvenis la 09-an kaj foriros la 15-an de Decembro 2015.

# ESPERANTO-DOMO SIDNEJO

**143 Lawson Strato, Redfern.**

Ok homoj venis al la kunveno de la 6a de Decembro. Estraranoj -Roger Springer, Ian Wylles, Dmitry Lushnikov, John Casey.

Vizitantoj- Robert Bain, Andrew Spannenberg, Volo Gueltling, Rainer Kurz.



# Novaĵo el Melburno

"La membroj de la Melburna klubo festis la 98an datrevenon de Marcel Leereveld pasintan lundon. Ankaŭ tri novaj lernantoj venis kaj ĝuis la atmosferon kune kun Franciska, Esther, Karlo, Ken, Peter kaj Joanne Johns, Peter Lim, Tristan, Heather, Lazslo, Jennifer kaj Ehsan" Gratulojn Marcel

- vivu longe kaj sane.."

★ ★ ★ ★ ★ ★ ★

### La melburna klubo ne rekunvenos ĝis la 1a de Februaro 2016.

Ni esperas ke vi ĉiuj ĝuos la Festan Sezonon. Ni antaŭĝuas la venontan jaron, kun eĉ pli da novaj membroj!"



Amike

Heather